TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

PREZIDANTO - Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio ORF, poŝtfako 700, A-1041 WIEN Aŭstrio

VICPREZIDANTO - Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. Borovo, bl. 219, B, BG-1680, SOFIO, Bulgario

ĜENERALA SEKRETARIO - Donĉo Ĥitrov, str. Ĥan Asparuh 61 BG-1000 SOFIO, Bulgario, tel. 88-30-82

SEKRETARIO-KASISTO POR OKCIDENTAJ LANDOJ - D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, CITADELLA (Padova), Italio

ESTRARANOJ -
Lech Kosieniak, ul. Piekna 16 b/9, PL-00-539 WARSZAWA, Pollando.
Joachim Schulze, Ringstrasse 71, DDR-7010 LEIPZIG, GDR
Vasilij Stanoviĉ, str. Samborska 78, kv. 34, 293720 DROGOBIĈ, Lvovskaja oblastj, Sovetunio (5614)
Stano Marĉek, Red. "Esperantisto Slovaka". Sobotské nám. 6, CS-058 01 POPRAD, Ĉeĥoslovakio
Evgeni Georgiev, str. Baĉo Kiro 35, II, BG-1202 SOFIO, Bulgario

Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro - Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 SOFIO, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario, tel. 56-58-77

KOREKTIS: Jordanka Keremidĉieva

E N H A V O de n-ro 4-1987



Sur la unua kovrilpaĝo: Miĥail Gorbaĉov kaj Ronald Reagan post la subskribo de la Kontrakto pri likvido de nukleaj mezdistancaj raketoj, la 8-an de decembro 1987.



FELIĈAN NOVJARON! LA ESTRARO DE TEĴA KAJ LA REDAKTOROJ DE "INTERNACIA ĴURNALISTO" ELKORE GRATULAS ĈIUJN MEMBROJN DE LA ASOCIO, LA ILEF-anojn KAJ LA LEGANTOJN DE NIA ORGANO KAJ BONDEZIRAS AL ILI SANON, FELIĈON KAJ SUKCESOJN EN ILIA NOBLA LABORO. ESTU PACA KAJ SUKCESPLENA LA NOVA 1988!

## KONTRAKTO DE POLITIKA REALISMO

El Vaŝingtono venis tre ĝojiga informo. Ĝin disaŭdigis tra la tuta mondo pli ol ses mil ĵurnalistoj el cento da landoj akredititaj de siaj redakcioj kaj agentejoj observi la intertraktadojn de Miĥail Gorbaĉov kaj Ronald Reagan pri neniigo de mezdistancaj kaj taktikaj nukleraketoj de Usono kaj Sovetunio dislokitaj en Eŭropo.

Plej poste tiu gravega kontrakto jam estas fakto!

Tiu kontrakto inter la du grandaj ŝtatoj prezentas historian venkon de la politika realismo kaj nova pensmaniero pri atingo de racia kompromiso ĉe solvado de la plej grava problemo de l'homaro - ĝia savo.

La plej prestiĝaj novaĝagentejoj informante pri ĝi faris ankaŭ siajn komentariojn pri ties signifo kaj perspektivoj. Siaflanke la legantaro ankaŭ faras proprajn konkludojn tiurilate, ne sen la influo de la preferata gazeta, televida aŭ radioinformfonto. La prioritata parto de la informiloj kaj de la legantaro venas al preskaŭ unuanima konkludo: la ĵus subskribita kontrakto estas la unua longe atendata kaj sincere sopirata reala paŝo al fakta malarmado.

La grandega plimulto de la registaroj ankaŭ aprobis la kontrakton vidante en ĝi bonan signon al plua espereble daŭra normaligo de usonaj-sovetaj interrilatoj favore al kreo de normala politika klimato en la tuta mondo. Ĉiuj bonvolemaj homoj estas interesataj pri tio.

Kompreneble, ne mankas ankaŭ ĉi foje akraj kontraŭuloj al la kontrakto kaj ties ratifiko far la usona senato. Ili ja ekzistis ankaŭ dum la Dua mondmilito, sed malgraŭ iliaj inkubaj profetaĵoj la koalicio inter Sovetunio, Britio kaj Usono fariĝis historia fakto. Kaj dank' al tiu koalicio estis ruiniĝita la faŝisma reĝimo de Hitler. Nuntempe la militarismaj fortoj same reagas kontraŭ ĉiu "plivarmigo" de la klimato inter la monda ŝtataro. Ili ne kapitulacos facile, ili intrigos kontraŭ la kontrakto kaj penos sensencigi ĝin sur praktika plano.

Tial oni ne devas fali en eŭforion, opiniante ke ĉio

iros glate, senbare kaj trankvile. La konfrontado ne ĉesos. Jam estas freŝaj signoj pri tio fare de NATO-ŝtatoj. La batalo por triumfo de la paco daŭros. Sed ankaŭ la espero, ke tiu batalo ne estos senfrukta, nepre plifortiĝos post la vaŝingtona kontrakto. Oni ne vane esperas, ke post tiu unua sukcesa paŝo sekvos nova, des pli grava. Ja temas pri redukto de la stragegiaj nukleraketoj per kvindek procentoj kun tendenco al neniigo de tiu plej danĝera nuklea armilaro ĝis la fino de nia jarcento. La savo de l'homaro antaŭ nuklea pereo ne estas miraĝo, ne estas senbaza iluzio.

La muroj dividantaj la popolojn ekkrakos, malstabiliĝos kaj falos por ĉiam laŭ la profetaj paroloj de D-ro Zamenhof.

Nikola ALEKSIEV



La ponto Moskvo - Vaŝingtono

# FORPASIS PROF. IVO LAPENNA

La tuta Esperanto-movado funebras la forpason de Ivo Lapenna, unu el la plej grandaj figuroj en la historio de la Internacia Lingvo. Profesoro Lapenna estis la arkitekto de la moderna Universala Esperanto-Asocio. Kiel komitatano kaj estrarano de la Asocio, kaj kiel ĝia prezidanto dum deko da jaroj, li direktis ĝiajn energiojn al la publika prezento de Esperanto al la plej altaj instancoj. Li estas konata kiel ĉefa rolanto en akceptigo de ŝlosila rezolucio favora al Esperanto ĉe la Generala Konferenco de Unesko en Montevideo en 1954 kaj kiel pledanto por Esperanto antaŭ ŝtatestroj, intelektuloj kaj sciencistoj.

Li impete insistis pri plej altaj normoj en la lingvouzo kaj pri respekto al la humanecaj idealoj de la Internacia Lingvo. Li estis brila informanto por Esperanto - jam en siaj studentaj jaroj en Jugoslavio kaj poste kiel gvidanto kaj instiranto de la informa laboro en UEA. Tra ĉiuj malfacilaĵoj kaj seniluziiĝoj li restis senlaca laboranto por la lingvo. Li estas aparte memorata kiel brila oratoro kaj talenta vekisto en la Internacia Lingvo. Multaj ankaŭ memoras lin kiel instruanton kaj inspiranton de tuta pli juna generacio de aktivuloj por Esperanto.

Prof. Ivo Lapenna estis tutmonde agnoskata ekster la Esperanto-movado kiel gvida figuro en la internacia juro, kaj sian sindediĉon al la idealoj de libereco kaj homaj rajtoj li montris per sia partopreno en la jugoslava lukto kontraŭ faŝismo kaj per multjara studado kaj pledado pri la homaj rajtoj.

Prof. Lapenna mortis en la Zamenhof-Tago de la centa jaro de Esperanto. Se lia forpaso markis la finon de unu epoko en la historio de Esperanto, despli gravas, ke ni daŭrigu konscie kaj konscience lian laboron en la duan jarcenton. Nenio alia pli bone taŭgas por honori lian memoron.

Al lia vidvino kaj al ĉiuj aliaj liaj familianoj, amikoj kaj kolegoj ni esprimas sincerajn kondolencojn.

LA VIVANTA GAZETO EN ESPERANTO-KLUBOJ

Lastatempe aperis en Internacia Ĵurnalisto priskriboj de ĵurnalismaj agadoj entrepreneblaj de membroj de lokaj Esperanto-societoj. En sia artikolo titolita "Ankoraŭfoje pri la kluba gazeto" (IĴ, 4/1985, pĝ. 16) Branislav Ĉipin reliefigas la utilon de kluba gazeto kaj resume pritraktas ĝian enhavon. Cetere, li proponas, ke IĴ havu apartan rubrikon celantan diskutadon pri problemoj de klubaj gazetoj kaj interŝanĝon de spertoj de redaktoroj kaj kontribuantoj. Lia alvoko verŝajne ne havis grandan eĥon, ĉar ankoraŭ ne troviĝas en IĴ regule aperanta forumo dediĉita al ĵurnalisma agado aŭ la nivelo de la loka grupo.

Ĉi-kunteksto estas interese legi la raporton de E. Georgiev pri la konferenco de la ĵurnalisma sekcio ĉe Bulgara Esperantista Asocio (IĴ, 3/1986, pĝ. 12). La raportinto informas, ke unu el la agadoj de la sekcio estas la organizado de "parolantaj gazetoj" per la uzo de kino-, foto- kaj magnetofon-registraĵoj. Temas, do, pri ilustrita songazeto, kiu faras la kutiman surpaperan periodaĵon plurdimensia. En la sama numero de IĴ (pĝ. 3-4) pli detala prezentado de la temo troviĝas en "La rolo de la klubaj gazetoj" el la plumo de Nikolaj Danovskij. La aŭtoro mencias preskaŭ ĉiujn formojn de klubaj organoj, diversmaniere redaktitaj kaj prezentitaj, kies enhavo spegulas la agadon de la plej aktivaj anoj de la grupoj. Inter la tipaj "presorganoj" priskribitaj en la artikolo, estas tiuj, kiuj estas skribitaj permane, tajpitaj aŭ presitaj, kune kun fotoj, desegnaĵoj, kinofilmoj kaj magnetofonaj bendoj. Tamen, mankas unu speco de ĵurnalisma agado, kiu havas lokon en programoj de pluraj Esperanto-societoj: la vivanta gazeto.

Mi konatiĝis kun la vivanta gazeto, kiam mi eklernis Esperanton antaŭ kvar jardekoj, kaj la bona impreso, kiun faris tiu programero, daŭras ĝis nun. En la organizo de la novjorka

Esperanto-klubo la vivanta gazeto estis regula parto de ĉiumonata kunveno, kaj neniam mankis kontribuantoj, kiuj improvizore ludis kiel raportistoj. Redaktoroj povas ankaŭ antaŭplani la prezentadojn, disdonante taskojn dum antaŭa kunveno, por geklubanoj povu prepari sian kontribuaĵon.

Eble la plej granda avantaĝo de programero kiel la vivanta gazeto estas ĝia didaktika valoro, ĉar ĝi prezentas rimedon por elimini la pasivecon de multaj grupanoj, kiuj estas kontentaj nur legi aŭ aŭskulti Esperanton. La vivanta gazeto donas al ĉiuj klubanoj eblon aktive partopreni, senkonsidere de la lingva nivelo, kiun ili atingis. Kompreneble, la sukceso de tiu ĉi aspekto de la vivanta gazeto dependas de la kapablo de la gvidanto-redaktoro paroligi la membrojn, t.e. pustuli kontribuaĵon de ĉiuj.

Ĉi-sube mi priskribos kelkajn el la temoj, kiuj konvenas por la vivanta gazeto. Ne ĉiu eldonaĵo devas inkludi ĉiujn rubrikojn, do la redaktoro povas variigi la enhavon kaj emfazon laŭ la kompetenteco de la klubanoj. La lingve plej spertaj membroj redaktos la ĉefartikolojn, specialajn raportaĵojn kaj ankaŭ la frontpaĝajn artikolojn. Tiuj ĉi povas temi pri mondaj eventoj, okazintaĵoj en la lando kaj urbo aŭ novaĵoj el Esperantujo. Datrevenoj de gravaj okazaĵoj en la historio de la Esperanto-movado prezentas plurajn temojn por ellaborado. Oni ne forgesu la valoron de intervjuoj. Lernantoj de Esperanto povas ekzerci sin en parolado, intervjuante unu la alian, kaj raportistoj de la vivanta gazeto nepre intervjuu ĉiujn novajn membrojn kaj vizitantajn gastojn. Ofte homoj, kiuj ne emas paroli pri si, volonte respondas demandojn de alia persono, kiu tiel prezentas ilin al la kluba publiko.

Pli facilaj ĵurnalismaj taskoj konvenas por lernantoj. Ili preparu mallongajn pecojn kiel leterojn al la redakcio, anoncetojn pri korespondado, rakontadon de anekdotoj kaj ŝercoj, raportojn pri venontaj Esperanto-aranĝoj, k.s. Preskaŭ ĉiu rubriko trovebla en presita revuo aŭ magazino estas uzebla en la vivanta gazeto: librorecenzoj, informoj pri muzikaj kaj teatraj prezenta-

doj, porvirina paĝo, originalaj noveloj kaj poemoj, turismaj informoj, eĉ klaĉangulo.

La tuta eldonaĵo povas esti magnetofone registrita kaj ankaŭ fotita por konservado en la kluba biblioteko aŭ por interŝanĝo kun aliaj kluboj, kiuj eldonas siajn proprajn vivantajn gazetojn.

Mi mem redaktis-reĝisoris vivantajn gazetojn en diversaj landoj, kaj mi estas konvinkita pri la utilo de tiu ĉi programero. Ofte la tute spontanaj eroj estas la plej intereskaptaj. Ekzemple, rolante kiel pridemandanta raportisto, mi prezentis al la ĉeestanta publiko la demandon: kio estas la plej grava problemo en la mondo hodiaŭ? Ĉiu havis sian propran respondon, kaj okazis, ke homoj, kiuj preskaŭ neniam malfermis la buŝon dum ordinaraj klub-kunvenoj, entuziasme aŭdigis sian opinion.

Mi esperas, ke mia priskribo de la vivanta gazeto sukcesos veki pli da interesiĝo pri tiu ĉi speco de ĵurnalisma agado en Esperanto-kluboj.

Bernard GOLDEN

---

## REALIGITA REVO

(Kiel estis kreita la filmo pri la 100-jariĝo de Esperanto)

Jam en 1982 dum la 67-a Universala Kongreso de Esperanto en Antverpeno, Belgio, la Estraro de UEA afable aprobis mian ideon pri kreo de plenlonga dokumenta kolora filmo, kiu estu dediĉita al la 100-jara jubileo de la Internacia Lingvo. Mi estis komisiita verki la scenaron kaj trovi firmaon, kiu produktu la filmon. Ĝis la jubileo mi havis nur kvin jarojn por realigi en relative mallonga periodo gravan kaj respondecan taskon, pri kio mi okupiĝis tuj post la kongreso.

Multaj materialoj pri la historio de la monda esperan-

tista movado kaj pri la vivovojo de d-ro L.L.Zamenhof estis eltrovitaj kaj trastuditaj.

En 1984, dum la 22-a kongreso de Pola Esperanto-Asocio en Szczecin, kiun mi partoprenis kiel oficiala reprezentanto de BEA, mi konatiĝis kun la elstara pola kinodokumentisto kaj esperantisto Roman Dobrzynski, kiun mi invitis esti reĝisoro de la estonta filmo. Li volonte akceptis la proponon kaj de tiu momento komenciĝis nia komuna laboro por la realigo de la filmo. Ni devis trovi firmaon-produktoron. Intertempe ni sukcesis ekinteresigi pri la afero la ĉefdirektoron de la bulgara filmstudio "Interfilm" ĉe Agentejo "Sofia Press" Saŝko Veliĉkov, kiu montris intereson al la scenaro. Pri tio ekinteresiĝis ankaŭ la pola filma studio "Interpres-Film", kiu intime kunlaboradas kun "Interfilm". Tiel estis decidite, ke ambaŭ firmaoj realigos la filmon. Komenciĝis intensa, streĉa preparlaboro por filmado. Laŭ la akceptita scenaro la filma skipo devis filmi en diversaj landoj de kvin kontinentoj. Ege favora cirkonstanco estis la fakto, ke la reĝisoro Dobrzynski dum siaj oficvojaĝoj jam estis filminta la faman infan-kolonion "Bona Espero" en Brazilo, kursojn de Esperanto en Havano (Kubo) kaj multajn valorajn filmbildojn en aliaj landoj, kiujn li utiligis por la filmo. R.Dobrzynski vizitis ankaŭ la Internacian Esperanto-Muzeon en Vieno, la esperantologian fakon ĉe la Ŝtata universitato en Budapeŝto, kie li intervjuis d-ron Szerdahelyi (forpasinta antaŭ nelonge). Aŭtune en 1986 R.Dobrzynski alvenis en Bulgarion kaj helpe de filmskipo de "Interfilm" li filmis en la Internacia E-Kursejo en Pisanica, en urbo Razgrad kaj en Sofio. Dum 71-a UK en Pekino, Ĉinio, li filmis interesajn momentojn el la kongresa programo kaj faris intervjuojn kun d-ro Humphrey Tonkin, prezidanto de UEA k.a. La samon li faris ankaŭ dum sia vojaĝo en Japanio. El Parizo kaj Nov-Jorko estis ricevitaj intervjuoj kun la Ĝenerala direktoro de UNESKO Amadou M'Bow.

Tiel estis kreita la filmo sub titolo "Esperanto" kaj solene prezentita antaŭ la partoprenantoj en la jubilea kongreso en Varsovio, Pollando, 1987. Kelkajn tagojn antaŭ la ina-

ŭguro de la kongreso la Pola Televizio elsendis la filmon, kio provokis intereson al la kongreso kaj kreis favoran etoson por ĝia prezentado. La projekcisalono en la Palaco de Kulturo kaj Scienco ne kapablis akcepti ĉiujn dezirantojn spekti la filmon - ĝi havis nur 400 sidlokojn - tial la filmo estis projekciita kvinfoje! Jam dum la kongresaj tagoj estis aĉetitaj dekoj da video-kasetoj kun la filmo far apartaj landaj E-asocioj kaj esperantistoj. Daŭre venadas novaj mendoj pri kasetoj kaj filmkopioj. La filmo "Esperanto" estas plenlonga, kolora, ĝia projekciado daŭras unu horon. Pere de "Interpress-Film", Varsovio, kaj "Interfilm", Sofio, ĝi estas mendebla aŭ en video-kaseto, aŭ en 16-milimetra filmkopio. La nomoj de ambaŭ firmaoj estas ankaŭ iliaj telegrafaj adresoj.

Donĉo HITROV, prezidanto de ILEF

---

## E-ĴURNALISMAJ SERĈOJ KAJ RESPEGULOJ EN E-HISTORIO

La E-movado estas movado por la lingvo. Do, la majstroj de la E-movado estas majstroj de la lingvo. Kaj la lingvo estas esprimilo de literaturo, kies plej populara formo estas ĵurnalismo. Vere, inter esperantistaro estas nemultaj stranguloj, kiuj perfekte posedas la lingvon (cetere, la sama situacio estas en ĉiu lingvo: homoj, perfekte posedantaj nacian lingvon estas same eta frakcio de la respektiva popolo. Tial unuarigarde ŝajnas, ke alkomunikiĝo al literaturo kuŝas post multaj baroj. Sed ekzistas en la mondo redaktoroj, tio estas literaturaj sorĉistoj, kiuj kapablas el ajna perpleksa aŭ senalfabete kripliga kunmeto de vortoj kaj literoj ekstrakti la sencon kaj transformi ajnan "deziron de komuniko" en veran komunikon.

Verŝajne nemultaj esperantistoj enpensiĝis pri tio, ke ĵus fininte alfabetan ŝtupon en lerno de Esperanto, la no-

vico jam komencas ligiĝi kun iu E-presorgano. Eble, ne ĉiuj konscias tion. Sed la fakto estas fakto: apenaŭ farinte la unuan beban paŝon en E-kaŭzo, la homo jam fariĝas amatora E-ĵurnalisto. Ĉu oni konscias tion, ĉu ne, tio tute ne gravas. La realo estas tia: esperantisto estas ĵurnalisto. Eĉ kelkaj fariĝas verkistoj - tio estas vere supera formo de beletro-majstro kaj evento plej rara. Pli ofte esperantisto iĝas poeto. Jen malgranda latva popolo havas du mil poetojn kaj verkistojn, sed ankoraŭ li malgranda E-popoleto, sendube, havas pli ol du mil poetojn kaj verkistojn. Plej ofte esperantistoj estas publicistoj, kaj plej malrare, vere universale ili estas raportistoj. Pro tio E-periodiko estas plej vaste remburita per senkoloraj, senanimaj, senemociaj kaj eĉ ofte senpensaj raportetoj pri okazantaj "renkontiĝoj" - t.e. diversokazaj renkontoj, precipe de diversnaciaj esperantistoj, pri vesperoj, dediĉitaj al rakontoj kun lumbildoj aŭ sen, pri tendaroj, kursfinoj, silvestraj baloj kaj interlingvistikaj simpozioj kaj disputoj, eble, ankaŭ pri radio-elsendoj, metodikoj de instruado en rondetoj, majaj piknikoj kaj turismaj bazoj.

Sed resume kaj fakte inter esperantistoj, eĉ kun bazaj scioj de la lingvo, ne estas homoj, kiuj ne rigardis kun miro sian nomon en iu presorgano. Tion kondiĉis specifo de la movado. De unu flanko deziro plej vaste prezenti sin en surprize nova medio, kaj de la alia - tion akcelas preteme vastanima redaktora akceptemo en E-gazetaro - kun danka akcepto de iu ajn kontribuaĵo. Fakte iuj redaktoroj de E-presorganoj ne scias la sistemon de deflankigo, se la teksto estas netaŭga, kaj ili eĉ ne havas rubokorbon por malakceptaĵoj - ĉio taŭgas. Reale ĉio taŭgas, eĉ se por eltrovo plej skrupula, eĉ sub mikroskopo, eĉ malfacile malkovratan ete-etan simptomon de socia intereso. Ĉiu "materialo" jam estas nepre bondestinita por publikigo. Eble, tio estas kaŭzo, ke multaj E-amas-informiloj estas "sensalaj", sen mensohaltigaj malkovroj... nur netaj faktoj dato-loko-okazintaĵo, sen propraj konsideroj, meditoj, ideoj... Kvazaŭ teksto mem en la lingvo internacia es-

tas iu miraklo. Sed reale per ŝia senpensa nuda aspekto ĝi jam delonge ne elvokas ekzalton. Necesas homecaj streboj, travivaĵoj, kaptaj aforismoj kaj ĝenerale logaj intelektaĵoj. Progresa formo postulas adekvatan harmonian enhavon.

Resume kaj rezulte absolute plenrajte oni povas tiamaniere aserti, ke E-popoleto estas E-ĵurnalistaro. Kaj sekve, la historio de E-movado estas preskaŭ entute historio de E-ĵurnalismo.

Kaj jen kia interesa fenomeno okazas nun en E-movado. La vizaĝo de konscia parto de socia opinio sin turnas al la historio. De unu flanko sendas siajn emanoradiojn la 100-jara jubileo de Esperanto. De la alia, evidente, intensa reviviĝo de la movado post militempa anabiozo atingis jam la stadion, kiam la ĉeno de "evolueroj" kunkroĉite elstaras kiel unu tuto, kaj la historio eniras kiel aganta faktoro en la vivon de disvolviĝanta kategorio de nuno kiel necesa kaj efektiva kunaganta komponanto. Eble, estas ankoraŭ aliaj faktoroj, kiuj puŝas la historion al la scenejo. Sed reale ĉiuokaze la historio komencas "frapi je la pordo". Unuvorte estas eksentita la kontinueco de historia procedo malgraŭ rompoj kaj interrompoj. Kaj premas neceso ekstrakti en efektivan realon tion, kio estis elstara en pasinto, kaj estas bone forgesita.

(Daŭrigota)

Nikolaj DANOVSKIJ

---

## PAROLAS ESTONA RADIO EN ESPERANTO

Estona Radio komencos elsendojn el Tallinn en Esperanto. La elsendoj en internacia lingvo okazos ĉiun unuan kaj trian semajnon de monato ĵaŭdo je la 22.30 horo laŭ la Universala Tempo (Grenviĉa Meza Tempo) kaj estos ripetataj dimanĉe de la sama semajno je la 10.25 kun 5-minuta daŭro. Ondolongoj 290 m (1034 kHz) kaj 49,3 m (6085 kHz)

Reeĥoj, demandoj kaj proponoj sed ankaŭ informoj pri la aŭdebleco estas atendataj laŭ la adreso: SU-200100, Tallinn, Estona Radio, Esperanto.

100 jarojn Esperanto



KUN RENESANCA VERVO

La 19-an de decembro 1987 prof. d-ro Stojan Ĝuĝev - elstara bulgara sciencisto kaj esploristo en la sfero de la muziko, eminenta aganto de la bulgara kaj internacia Esperanto-movado, fariĝis 85-jara. Lian jubileon la tuta bulgara kultura socio kaj esperantistaro solene celebris en la Nacia Palaco de Kulturo en Sofio.

Ĉi-sube ni publikigos artikolon pri lia multjara ĵurnalista aktivado.

Alpaŝas la Dua Mondmilito. Ĝi venas. Ĝi furiozas. Pasas tagoj, semajnoj, monatoj, jaroj. En la akvoturno de la militaj eventoj estas la popoloj. Kaj kune kun ili - la esperantistoj. Kia estas ilia opinio pri la milito, pri la faŝismo, pri la naciismo? Ni atente aŭskultu, fiksrigardu la veron per la observama intelegentularo, kiu staras fronte de la bulgara Esperanto-movado, kiu estas prof. d-ro STOJAN GUGEV, tiama prezidanto de Centra komitato de Bulgara E-Asocio kaj redaktoro de la organo de BEA "Bulgara Esperantisto". Li skribas la plimulton de la ĉefartikoloj en la organo.

Nikola Aleksiev helpas nin pli bone kompreni tiun etoson en la agado kaj pozicio de BEA. Li skribas en sia broŝuro "Kvindek jarojn BuLEA", pĝ. 27: "Ivan Keremidĉiev - Esperov sukcesis konservi sian postenon kaj kunlabore kun prof. d-ro Stojan Guĝev ili daŭre redaktis la revuon "BE" ĝis ĝia ĉesigo dum

1942." Al la aktiva batalanto kontraŭ la faŝismo Ivan Esperov "...CK de BEA konfidis la gvidadon de la kongreslaboroj en Loveĉ dum 1940 kaj la tralegon de la agadraporto. La lasta nia E-kongreso antaŭ la liberiĝo de nia lando (la 9-an de septembro 1944). En la sama paĝo ni denove legas: "...en tiuj ekstreme malfacilaj kondiĉoj oni lerte utiligis la tiel nomatan "ezopan. ligvaĵon" kaj daŭrigis sian laboron por la disvastigo de esperanto kaj ties utiligo en la batalo de nia popolo kontraŭ la jugo de la faŝismo."

Kiamaniere aperadis la batalaj ĉefartikoloj en "BE"? Ĉar la helpredaktoro de "BE" estis Ivan K.Esperov, kiu ne portis la artikolojn al la faŝista cenzurejo kaj la presisto estis nia E-amiko.

En la ĉefartikolo de la revuo "BE": "BULGARA ESPERANTISTO" ANTAU LA NOVA JARO", publikigita en n-ro 8-9-10, 15. II.1941 j., ni legas: "Nia movado malrapide, sed ĉiam pli kaj pli sisteme unuigas la intelektajn masojn de la bulgara socio. La esperantistoj baldaŭ fariĝos kulturaj gvidantoj de la popolo" lo". Li skribas "esperantistoj", sed profunde en sia animo kaj konscio li havas antaŭvide la progresemajn gefilojn de la popolo! "Pioniroj de la nova civilizacio, ili nun ludas rolon similan al la rolo, kiun plenumis dum la pasinta jarcento dum la kruela turka jugo la tiel nomitaj "vekantoj" de la bulgara nacia Renesanco: Paisij, Sofronij, Levski, Rakovski, Botev,k.c.

En n-ro 1-2, I-II, 1941 j. de "BE" aperas "LA TRI PREMISOJ DE NIA SUKCESO". Kiuj estas ili? La d i s c i p l i n o, la l a b o r a d o, la t a k t i k o. Por Ĝuĝev ekzistas nenio pli danĝera de tio, ke oni sidas kun "krucitaj brakoj aŭ per dolĉa revado". "Nenio estas pli danĝera - skribas li - por la ideaj kultursociaj movadoj ol la pasiva idealemo kaj vana filozofado", kaj plu: "Ĉiu ago poresperanta, ĉiu entrepreno aŭ faro devas esti longe pripensita kaj detale preparita". Kaj li finas: "Nia movado postvivos la militon, kiel la kristanismo postvivis la disfalon de la Roma Imperio".

Lia artikolo trovas lokon ankaŭ en revuo "NIA PAROLILO"

- loka esperanto-gazeto en Göteborg, Svedio, n-ro 6, VI-VII, 1941 j.

La publicisto Ĝuĝev estas klara en la ĉefartikolo "NI KOMPAKTIGU NIAJN KOLONOJN", kiu trovas lokon en "BE", n-ro 3-4 III-IV, 1941 j. Li trovas manierojn eldiri al la esperantistaj medioj kion oni devas fari en la momento, majstre uzante "ezopan" esprimon: "Por la multaj personoj la frapoj de la sorto estas pereigaj, sed por la fortaj karakteroj la suferoj efikas kiel utila instigilo, kiu hardas la spiritojn. Dante akribas la plej belajn versojn dum la mizero de sia ekzilio kaj Bethoven komponis la plej inspiritajn simfoniojn dum la malfeliĉaj jaroj de sia surdeco".

Oni ne devas perdi orientiĝon! kaj fali en malfortanimecon! La "turmentita homaro" devas serĉi kaj trovi vojon por liberigi sin de la faŝismo! "...La frapoj de la sorto - katastrofoj, krizoj, militoj, persekutoj - estas efikaj instigiloj, kiuj fortikigas la movadojn". Kaj li finas entuziasme: "Malgraŭ la furiozanta milito kaj la neebleco komunikiĝi kun eksterlando, la cirkonstancoj ne estas senespere malfavoraj al utila poresperanta agado. Multaj grupoj kaj societoj hodiaŭ regule funkcias. Ĉesigo aŭ eĉ malplivigligo de nia laboro malaltigos la entuziasmon kaj malfortigos la rezistopovon de nia movado ĝuste en la plej grava historia momento". Kaj li memorigas: "Tial nia ĉefa tasko en la nuna decida momento devas esti la realigo de kiel eble plej granda unueco kaj disciplino en la kadroj de nia movado", "...la fajra uragano... fortikigos nin kaj ĝi mem preparos la vojon de nia triumfo".

(Daŭrigota)

Dimo TRUDOLJUBOV

Novjara saluto al ĉefredaktoro Ivan Keremidĉiev Esperov

Al la familio kara
bondezirojn malavarajn
veturadi trans la marojn
feliĉadi multajn jarojn
Via Violino Oljanov

Tra la amaskomunikiloj

LA SURKROĈITA FIGURO

Sub tiu titolo s-ano W.Uzolcev skribas en "PACO" de MEM (n-ro 5, sept.-okt.1987) pri la unika londona muzeo de s-ino Tussaud kun la vaksaj figuroj de historiaj kaj famaj anglaj kaj alilandaj homoj, eĉ pri iuj krimuloj kaj murdistoj. La turista grupo de Uzolcev vidis apartigitan vaksan figuron "... barita de la vizitantoj per vitro... La ekskursgvidantino diris, ke... la figuro staras aparte...kovrita per vitro, ĉar multaj vizitantoj preterirante la figuron kraĉas sur ĝin." Tiu figuro estas de Hitler. La vizitantoj pasas preter multaj aliaj krimuloj kaj murdistoj, tamen kraĉas nur sur la figuron de Hitler.

Do, la homoj taksas lin kiel la plej abomenan, abomenindan simbolon de la milito mem. Tiu kraĉado estas "...edifa averto al ĉiuj adeptoj de la ...ĉiuflanke kraĉita figuro, kiuj provas puŝi la popolojn en ĉiomanĝegontan fajregon de la sekva milito... Tiuj krimuloj... sendube forbruligos ne nur la surkraĉitan figuron, sed ankaŭ sin mem." - konkludas la aŭtoro Uzolcev.

Vizitinte Londonon ankaŭ mi iam vidis tiun muzeon kaj la abomenindan figuron de la fama murdisto Hitler. Tiam mi rememoris, kiel dum la Dua mondmilito la honestaj homoj kun koleremo parolis pri la murdisto de pacaj homoj: hebreoj, germanoj, poloj, sovetianoj kaj aliaj nacioj. Eĉ mi rememorigis al mi, la malliberejon de urbo Prokuple (Jugoslavio), ĵetitaj tien de la faŝistoj, ĉar ni - bulgaraj soldatoj - kunhelpis la jugoslavan turmentatan popolon kaj ĝiajn partizanojn kontraŭ la hitleristoj. Tie, en la kelo, mia samideano-esperantisto Nedelĉo proponis, ke post la venko super la faŝismo oni ne devas mortigi la fibanditon Hitler, sed ke plej bone estas, se oni ŝlosos lin enkatenigitan en malfermita kesto tiel, ke ĉiuj preterpasantoj kraĉu libere sur lian faŝisman vizaĝon.

Mi legis la artikolon pri la 60a kongreso de SAT en "the Worker esperantist", n-ro 356

(nov.dec.1987), skribita de J. Sykes, kiu rakontas pri la ekskursa vizito de la franca interesa urbo Arras, kie naskiĝis Robespier, Priskribante la urbon kaj la rimarkindajn vidindaĵojn, kiujn ankaŭ mi vidis antaŭ pluraj jaroj, la aŭtoro mencias pri la "...plej malgaja monumento...vastaj tombokampoj kun rektaj longaj vicoj de miloj kaj miloj da tomboj de la mortigitoj dum tiu (la Unua mondmilito...". "...Tiuj kampoj estas monumentoj pri la vaneco de milito kaj pri la nekompetentaj generaloj, kiuj sencele pelis tiom da junaj viroj al tro frua morto pro propraj orgojlo kaj ambicio". - konkludas la aŭtoro Sykes.

Ankaŭ mi tiam ĉirkaŭiris la "malgajan monumenton" - la tombojn de miloj da mortigitoj dum la milito en Norda Francio. Pri la popoloj tiuj kampoj kaj tomboj vere estas monumentoj pri la vaneco de la mondmilito. Sed por la registaroj kaj ĝiaj generaloj tiam ne estis vaneco, sed akiro de oro kaj gajno de fremdaj terenoj kaj landoj, kaj la generaloj estis pro tio tre kompetentaj kaj pelis konscie la junajn homojn al morto, ne pro orgojlo kaj ambicio.

ESPERANTISTOJ DEFENDE AL SLOVAKOJ

Sub tiu titolo Jaroslav Marík skribis artikolon en n-ro 3/1987 de "Esperantisto Slovaka", en kiu mencias, ke "... En la komenco de la 20-a jarcento la mondo apenaŭ sciis pri la ekzisto de iu slovaka popolo, kiu perdis sian memstarecon en la 10-a jarcento. La aŭtoro kun kontento skribas, ke venontjare pasos okdek jaroj post la eldono de la Esperanta broŝuro de pragano Hinek Bouška (Praha, majo 1908), titolita "Slovakoj kaj Magiaroj - kelkaj vortoj pri slovaka suferado en Hungario". La broŝuro donas koncizan priskribon de la slovaka mizero, laŭveran elmontron de la hungariga subpremado, "en kiuj vivas niaj slovakaj fratoj". "La popolon hungaran ni tamen ŝatas kiel ĉiun alian, ni simpatias al la hungara proletaro sciante, ke ĝi ne kulpas pri la nekultura hungara politiko, direktata de feŭda oligarhio, same kiel ni kun simpatio observas la sorton de Finnoj, Katalunoj, Iroj, k.a.".

Ankaŭ la bulgara popolo estis 500 jarojn sub la barbara turka jugo. Káj ankaŭ tiam pluraj okcidentaj kaj aliaj ĵurnalistoj kaj kulturaj homoj defendis la bulgaran popolon, kiel la esperantisto Hynek Bouŝka defendis la hungaran popolon, kio "...kaúzis sensacion en la mondo: ĉu io tia estas ebla en la nuna Eŭropo? Eksterlandaj esperantistoj ekagis. Ili raportis pri la mesaĝo dum esperantaj kunvenoj. La supremenciita broŝuro aperis en dek aliaj lingvoj. Oni protestis kontraŭ la feŭda aŭstro-hungara eksterma nacipolitiko.

Dank' al la helpo de la slavaj kaj aliaj popoloj de tiama Rusio la tempo! - konkludas kolego Marík. "Slovakio reakiris sian liberecon en 1918. Kaj kun la novaj sociordoj la popoloj slovaka kaj hungara vivas nun en paca harmonio kaj reciproka estimo, kiel bonaj najbaroj", - finas sian artikolon kolego Marík.

Ivan ESPEROV

KATALOGO DE LA ĈINA ESPERANTO-ELDONEJO 1987

Grandformata 16-paĝa kajero, kolore ilustritaj bildoj kaj fotoj de libroj kaj titoloj alloge altiras la rigardojn de la legantoj. Estas montritaj literaturaj verkoj (Ĉina antologio, Bronza tigro, Verkoj de Verda majo k.a. ĉinaj libroj), albumoj pri Ĉinio, vortaroj (Ĉina-Esperanto kaj E-Ĉina), bildorakontoj, infanlibroj.

Ĉiuj libroj estas liverseblaj ĉe la Libroservo de UEA kaj la Libro-Servo de Ĉinio "Guoji Shudian", P.O.Kesto 313 Beijing, Ĉinio.

Redakcia korekto

En du numeroj de "Internacia Ĵurnalisto" estis publikitaj recenzoj pri la libroj "Septembro estiĝos majo" kaj "Mia porpaca agado". Bedaŭrinde ne estis menciite, ke redaktorokompilinto de la unua librokolekto kaj redaktoro de la dua libro estas nia kolego Ńano Kjuĉukov. La redakcio de "IĴ" petas pardonon pro tiu preterlaso.

# Ricevitaj esperantaĵoj

- Tra la ventego - elektita verkaro de la frue mortinta Hristo Smirnenski - proleta poeto. Bela luksa eldono kiel la supremenciita libro "Antologio..", 144 paĝoj, eldono de Sofia Pres, 1986, tria kompletigita eldono de Sofia Pres kun pentrita de Nik. Gaĉev portreto. Kompilis Ivan Keremidĉiev kaj Nikola Aleksiev, redaktis Ĥristo Gorov, recenzis Canko Murgin. Antaŭ la verkaro de Smirnenski estas literatura studaĵo de la konata verkisto Georgi Canev kaj unupaĝa antaŭparolo (prenita de la unua eldono - 1931) de la verkisto Georgi Karaslavov krome ankaŭ la antaŭparolo de G.Karaslavov de 1950 jaro. La tradukoj de la versaĵoj, rakontoj k.a. estis faritaj de elstaraj spertaj bulgaraj esperantistoj Asen Grigorov, Atanas Lakov, C. Murgin, Ĥr.Gorov. V.Mitev, V.Oljanov, G.Miĥalkov, N.Uzunov k.a.

- Kantoj de motoroj - elektitaj versaĵoj de la pereinta dum la faŝismo en Bulgario Nikola Vapcarov kun aliaj kvin kunbatalantoj je la 23-a de julio 1942. Kunmetis kaj redaktis Ĥristo Gorov, recenzis Canko Murgin, antaŭparolo de la bulgara poeto Hristo Radevski kaj notoj de la kompilinto Ĥr.Gorov. Tradukis el bulgara: Asen Grigorov, V.Oljanov, Ĥr.Gorov, Ivan Dobrev, Dim.M.Simeonov, Kunĉo Vâlev, Dimitâr Zlatarski, Nikola Pilev. Luksa eldono de eldonejo "Sofia Pres" 1987, ŝtata presejo "Balkan". Paĝoj 120, prezo neindikita, formato granda.

La tri eldonaĵoj estas livereblaj ĉe Bulg. E-Asocio, 1303 Sofio, bulv. Ĥr.Botev 97.

- Verskolekto "Ventolume" de la estona verkistino Debora Vaarandi 144-paĝoj, tradukis: Hilda Dresen, Salme Kärner kaj Jaan Ojalo, formis kaj ilustris Tiiu Allikvee. Eldonis "Eesti Raamat", 1986, prezo 50.kopejkoj, Talin, Estona SSR, negranda formato.

- Sursojle de la VI-a kongreso de la Vjetnama Komunista Partio, Vjetnamio 1976-1986, 26-paĝa, eldono de Fremlingva Eldonejo, Hanojo 1986, prezo neindikita.

- Cent jarojn Esperanto - de Nikola Aleksiev, Broŝuro 12-paĝa, en bulgara lingvo, eldono de Bulgara E-Asocio, Sofio 1987.

- Informa libro 1987 - eldono de BEA, Sofio, kompilis Dimitar Papazov. Enhavas: rezoluciojn, adresojn de CE-anoj kaj provincaj distriktaj kaj urbaj estraranoj, rezoluciojn, datojn, de Bulgaraj E-kongresoj, distriktajn mapojn kaj multajn aliajn informojn, 266 paĝoj.

- Antologio "Rozo kaj glavo" - Originalaj poemoj de bulgaraj esperantistoj (1906-1986). Bela, valora antologio 400-paĝa, eldonita de "Sofia Pres", 1987, okaze de la 100-jara Jubileo de Esperanto. Kompilis: Canko Murgin, pentristo - Nikolaj Caĉev, Recenzis - Venelin Mitev kaj Pelin Velkov, redaktis - Georgi Mihalkov, kiu skribis ankaŭ la enkondukan literaturan skizon (12-paĝa) kaj antaŭparolo de la kompilinto C.Murgin. La poezia kolekto estas inda eldonaĵo okaze de la 100-jara jubileo de Esperanto.

- La Homa Vivaventuro - esearo (etiko, ekonomiko, esperantismo), originale verkita en Esperanto. Eldono de Barcelona Esperanto-Centro (Hispanio), marto 1987, 295-paĝa. Kovrilpaĝo de Salvador Ar. Galbany. Laŭ la vortoj de aŭtoro en la antaŭparolo: "... El io kion mi observis tra la vojo de la vivo, konsistas mia rakonto, la plej ordinara kaj samtempe la plej mirinda el ĉiuj rakonteblaj: "La Homa Vivaventuro" - tio estas la ĉefa gvida penso de tiu verko.

- Geologio Internacia - kolektoj de originalaj verkoj en Esperanto; volumo 1, geoindustria, Prago 1968, redaktas Josef Kafka, paĝoj 198; volumo 2, Prago, 1972, p. 146; volumo 5, Budapeŝto, 1984, p. 256, nebindita.

- Sindefendologiaj studoj, n-roj 1, Prago, 1983. Redaktoroj : inĝ. Ijrich Novák, A.Lukács kaj Dr.E.Duduch. Aŭtoroj de la artikoloj el Hungario, ĈSSR, USSR, Pollando, Brazilio, DDR k.a. Aŭtoroj por la Sind. studoj: Jin. Novák, Iv.Spiĉka kaj V.Khnik.

- Iom pri la mensa sinpreparo - sciencaj studoj de J.Novák kaj I.Spiĉka, paĝoj 34, eldono de ĈEA, Prago.